ROK XXV.
PAŹDZIERNIK
N-r 10.




JARO XXV.
OKTOBRO
N-o 10.

EL POLLANDAJ VIDINDAĴOJ...



Fragmento de Krakova ĉefplaco. Arkadoj de Draphalo.

# ESPERANTYSTA POLSKI
# POLA ESPERANTISTO

WYDAWCY: ELDONANTOJ: POLA ESPERANTISTA KLUBO & SOCIETO ESPERANTO EN KRAKÓW

ADRES REDAKCJI I ADMINISTRACJI: KRAKÓW, ul. LUBICZ 34

REDAKTORZY PROF. DR. ODO BUJWID TADEUSZ HODAKOWSKI REDAKTANTOJ

REDAKTOR ODPOWIEDZIALNY: JULJUSZ KRISS.

---

**PRENUMERATA:** rocznie Zł. 8.—, półrocznie Zł. 4.—. Dla towarzystw i grup esperanckich (przy przesyłce najmniej 5 egz. pod jednym adresem) roczna prenumerata Zł. 6.—.

**ABONO:** jare Zł. 8.—, duonjare 4.—. Por societoj kaj grupoj esperantistaj (ĉe sendo de minimume 5 ekz. al unu adreso) jarabono Zł. 6.—

Konto Pocztowej Kasy Oszczędności Kraków Nr. 406.660.

Eksterlande jarabono — 1 dolaro.

Pojedynczy numer Zł. 0.70 Aparta numero.

---

| OGŁOSZENIA: | | ANONCOJ: | |
|---|---|---|---|
| 1 strona | Zł. 60·— | 1 paĝo | Zł. 60·— |
| 1/2 strony | „ 32·— | 1/2 paĝo | „ 32·— |
| 1/4 strony | „ 17·— | 1/4 paĝo | „ 17·— |
| 1/8 strony | „ 10·— | 1/8 paĝo | „ 10·— |

---

## PRZEDSTAWICIELE — REPREZENTANTOJ.

**Katowice:** Soc. de Esper. Amikoj, Wawelska 3.

**Paryż:** S. Grenkamp, Paris 6. 4 rue de Vaugirard.

**Warszawa:** Pola Stud. Esperantista Societo, Leszno 99. m. 5.

Przyjmują zamówienia abonament. i ogłoszenia do „Polskiego Esper." i „Pomocniczego Języka Świat."

Akceptas abonojn kaj anoncojn por „Pola Esperantisto" kaj „Pomocniczy Język Światowy".

---

## WAŻNE DLA CHCĄCYCH KORESPONDOWAĆ Z ZAGRANICĄ!

**Atentu!** Ni malfermas en nia revuo la fakon: „Korespondado".
Anonceto de 10 vortoj (krom adreso) kostas Zł. 1.—
Enpagu tuj je nia PKO. Konto 406.660.

---

## DO P. T. CZYTELNIKÓW!

**Upraszamy uprzejmie P. T. Czytelników o załączanie znaczka pocztowego na odpowiedź, przy wszelkiej korespondencji, zarówno redakcyjnej jak i administracyjnej.**

# POLA ESPERANTISTO

MONATA REVUO DE ESPERANTISTA MOVADO EN POLUJO KAJ EKSTERLANDE.

# ESPERANTYSTA POLSKI

MIESIĘCZNY PRZEGLĄD RUCHU ESPERANCKIEGO W POLSCE I ZAGRANICĄ.

ROK XXV JARO | KRAKÓW PAŹDZIERNIK 1931 OKTOBRO | Nr 10 N-o

## MALSTREĈIĜO....

Pasis la tagoj de forte streĉita laboro. Ili jam delonge estas for! Tagoj de peniga, nervoza laborado, plenumata kun arda fervoro, kiun havigadis al ni la amo al nia kara idealo, Esperanto. Kiom da zorgoj kaj klopodoj ni devis toleri, preparante la nunjaran internacian feston de la tutmonda Samideanaro! Kiom da ĝojoj ni ĝuis kaj kiom da malĝojoj ni suferis... Sed pri tio vi, kara leganto, ne scias...

Esperplene je bonega sukceso de Universala Esperanto-Kongreso invitis pasintjare nia estiminda prezidanto de Pollanda Esperanto- Delegitaro, prof. dro Odo Bujwid, la sekvontan kongreson al Kraków. Baldaŭ ni komencis viglan laboradon, por bone plenumi la plenkonscie akceptitan honorigan taskon. Komenciĝis klopodadoj ĉe oficialaj aŭtoritatoj pri subteno kaj favoro, por ke la festo fariĝu grava solenaĵo kaj diskonigu nian ideon tra la tuta lando.

Sed jen sur horizonto de politika kaj ekonomia vivoj aperis pezaj nuboj. La nuboj aŭgurantaj pliprofundiĝon de la ĝenerala tutmonda ekonomia krizo. Kaj multaj el ni, kiuj esperis, ke la kongreso en Kraków estos treege nombra, ekvidis kun teruro, ke la krizo fundamente ŝanĝas nian antaŭvidatan budĝeton. Oni devis multajn proponatajn aranĝojn simple forstreki, por ne riski grandan kaj certan deficiton...

Kaj nun ni atente aŭskultas eĥojn kaj reeĥojn de l' kongreso. Kaj ni trovas, ke la partoprenintaro ne samopinias. Estas laŭdoj sed estas ankaŭ male. Tion ni sincere konfesu.

Por esti justa juĝanto oni devas bone prikonsideri la cirkonstancojn, en kiuj ni laboris. Kaj kio nin atendis post nia multmonata laborado? Kovrado de deficito... Kaj ĉu ni sukcesis eviti ĝin? Ne! Malgraŭ tre ŝpareme farataj elspezoj la deficito estas. Sed ne timu, vi, estimata partopreninto, egale ĉu vi estas kontenta aŭ malkontenta, ni ne almozpetos vin. Restu trankvila!

Io ĝenerale estas malbona en kongresorganizado. La kotizoj estas tre altaj, farante el la partopreno en ili preskaŭ privilegion de riĉuloj, sed la altaj kotizoj tre ofte ne protektas kontraŭ la deficito. Pripensu la aferon esperantistaj ekonomiistoj! Ne forgesu pri la minacanta danĝero niaj Parizaj samideanoj kaj sekvontaj organizantoj! Estu pli bonŝancaj! **Tadeusz Hodakowski.**

# VANDA -- REĜINO DE POLUJO.

Kuriozaj estas la vojoj, kiujn travaĝis la ĉi suba legendo. La legendon multe konatan en la pola popolo, prilaboritan de s-o J. Schaap tute alie ol ni ĝin kutimis aŭdi, trovis en holandlingva ĵurnalo presata en iu el holandaj kolonioj tre fervora esperantisto, malajo, s-o Lien Tiong Hie, delegito de UEA en Sumarang, Javo, — kaj tradukinte ĝin esperanten, sendis al nia redakcio. Jen ĝi:

„Alportu al mi la kadavron de Ritogar".

Per suprenlevita mano kaj ordona gesto Vanda, reĝino de Polujo, donis la instrukcion al siaj servistoj.

Ĝi estis unu vesperon en ŝia tendo. Ŝi en tiu tago estis venkinta la armeon de la germanoj sub komando de Ritogar.

Estis sensanga batalo. Kiam la malamikaj armeoj staris ordigitaj unu kontraŭ la alia pretaj por la atako, la reĝino, kiu mem gvidis sian armeon, estis antaŭen irinta kaj alparolinta la soldatojn de la malamiko.

Ŝi montris al ili je la malsaĝeco de la batalo, kiu estis farita ne por venki la landon, ne pro rompo de traktato, sed pro deziro de ilia estro al la mano de la fremda reĝino.

Ŝi parolis pri tiu ĉi sopiro de Ritogar, kiu minacis per la forto de milito kaj detruo, kiam ŝi, la reĝino de Polujo, rifuzus fariĝi lia edzino. Kaj ŝi montris al la malamiko ŝian armeon kaj priskribis la sekvojn de batalo, ĉe kiu centoj, eble miloj da senkulpuloj falus pro tiu nura kaprico de ilia reĝo.

Kaj la oficiroj kaj la soldatoj de la germana reĝo aŭskultis, kvazaŭ hipnotitaj de la belega reĝino, kiu sen armiloj kaj en eskorto, paŝis antaŭ ili. En simpla vesto, kiu neniel montris personon de la reĝino, senĉapele, dum la blondaj haroj flirtis en la vento kiel ora standardo, ŝi similis por la maldelikataj militistoj pli al ĉiela aperaĵo pacon alportanta, ol al reĝino, preta, se tio devus esti, por kontraŭi atakon per atako.

Kaj ŝi venkis. La soldatoj ensorĉitaj de la belegeco de tiu ĉi virino, rifuzis batali, forĵetante siajn armilojn, transkurante al la malamika armeo.

Ritogar de ĉiuj forlasita, malespera pro la perdita batalo kaj pro la vana minaco, donis la finofaran baton al si mem. Li kuŝis malsupre sur la batalkampo, la sola viktimo de tiu ĉi milito.

La reĝino longe, tre longe rigardis al la pala vizaĝo. Ŝi rigardis en la nefermitajn okulojn en kiuj ŝi legis la riproĉon, ke ŝi estis la kaŭzo de lia morto. Ĉu li estis la reĝo, kiu deziris la reĝinon pro la posedo de ŝia lando, aŭ ĉu estis viro, kiu nur deziris la belegan virinon kaj pro tio eniris la morton? Ŝi atente rigardis al la korpo, antaŭ nelonge ankoraŭ plena je forto kaj beleco. Kaj en ŝian spiriton venis malrapide la bedaŭro pri ŝia rifuzo, la memriproĉo, ke ŝi estis pelinta lin en la morton.

Ŝi nun ne plu estis la reĝino, kiu estis fiera je la venko, ŝi estis la virino, en kiu venis la emocio, pro la morto de la viro, kiu volus esti ŝia edzo. Ŝi pensis al sia promeso pri ĉasteco kaj ŝi pripensis, en la ĉeesto de la mortinto kuŝanta antaŭ ŝi, kun dolora ĉagreno, ke la amo de viro por la virino valoris pli ol la amo de tuta popolo por

ĝia reĝino. Kaj profunde ĉagrenite ŝi fleksiĝis ĉe la kadavro kaj kisis la palajn malvarmajn lipojn.

Kun reĝa pompo la kadavro de Ritogar estis entombigita. Reĝino Vanda revenis kun sia armeo al Krakovo. La popolo entuziasme kriis al ŝi ĉe ŝia vojiro. De la ŝtuparo de sia kastelo ŝi vidis la trupojn kun flagoj kaj standardoj preterpasi antaŭ ŝi. Ŝi serĉis inter ili la palan vizaĝon de Ritogar. Ŝi retiriĝis en siaj apartamentoj kaj ŝia palaco ŝajnis al ŝi malvarma kaj forlasita. Ŝi malhavis la viron, kiun ŝi, kiel virino, povus ami.

En la tendo, kie la kadavro de Ritogar estis kuŝinta, la reĝino fariĝis virino.

Vanda estis ordoninta preni kaj alporti la kadavron de Ritogar en sian tendon. Ŝi volis vidi lin, kiu deziris ŝian manon kaj elvokis militon por ŝin posedi.

Ŝi neniam antaŭe vidis lin. Li estis priskribita al ŝi kiel granda, forta viro, flama, kruda, kuraĝa kaj glorama.

Kaj kiam ŝi atendis je la plenumo de sia ordono, ŝi pensis pri si mem. Ŝi fariĝis reĝino pro mortigo.

Kiam ŝia patro, Krako la unua, mortis, ŝia plej aĝa frato sekvis lin kiel Krako la dua. Sed lia regado ne longe daŭris. Kiel iam la patro de Hamlet, la reĝo estis mortigita de sia pli juna frato. La popolo, ne konanta la kriman agon, altigis la mortiginton ĝis reĝo. Tamen baldaŭ lia krimo estis konata. Pelite de konsciencriproĉo, li perfidis sin mem. Li estis ekzilita kaj vagadis en amara malriĉeco.

Nun la popolo elektis la plej junan idon de la maljuna reĝo, princidinon Vanda, konatan tra la tuta lando pro ŝia belegeco, ĉarmeco kaj saĝeco.

En momento de deziro por oferi sin por la prospero de sia lando, ŝi estis farinta la promeson de ĉasteco, ŝi estis ĵurinta, ke ŝi apartenos al neniu viro kaj ŝia amo estos dediĉata tute al ŝia popolo.

Ritogar, kiu aŭdis laŭdi ŝian belegecon, petis ŝian manon. Kiam ŝi rifuzis, li minacis per milito. Kaj nun ŝi atendis je lia kadavro.

Soldatoj alportis ĝin kaj kuŝigis ĝin je la ordono de la reĝino sur ŝia lito. Laŭ ŝia deziro oni lasis ŝin sola kun la korpa restaĵo de la reĝo. La vizaĝo ne estis difektita. La kasko estis forfalinta kaj ĉirkaŭ la kapo estis buklaro de haroj blondaj. En la brusto la glavo faris larĝan vundon, el kiu ankoraŭ fluis iom da sango.

Tri monatoj post la morto de Ritogar, tri monatoj de soleco, de vagado ĉirkaŭ la salonoj de la palaco pasis for kaj reĝino Vanda forlasis sola sian reĝan hejmon.

Estis nokto. La reĝino profunde envolvita en sia mantelo, kaŝe iris tra la forlasitaj stratoj al la nova ponto super Visla-Vistulo, antaŭ nelonge de ŝi inaŭgurita.

Kiam ŝi staris sur la ponto, ŝi ankoraŭ unumomente rigardis ĉirkaŭ si. En la malproksimeco ŝi vidis la konturojn de sia kastelo. Unumomente ŝi apogis sin per sia korpo kontraŭ la balustrado kaj tiam ŝi faligis sin en la malluman riveron.

„Ritogar, mi venas, mi venas".

Fiŝkaptistoj kelkajn tagojn poste trovis ŝian kadavron.

Kun ŝi formortis la familio de Krako.

WŁODZIMIERZ PERZYŃSKI.

# LERNANTO DE SHERLOCK HOLMES.

Tra fendoj inter la kurteno kaj kadroj de l' fenestro faladis en la ĉambron du helaj lunradioj. Sinjoro Miler estingis la kandelon kaj ne senvestiĝante kuŝis sur la lito metinte la manojn sub la kapon. En ĉi tiu lasta momento li ne sentis eĉ la plej malgrandan nerveksciton. Ekregis lin plena apatio kaj enuiĝis sole l' atendado. Tra l' pordo, kiun intence li ne plenfermis por poste pli mallaŭte povi malfermi, atingadis lin el la najbara ĉambro febra tikado de l' murhorloĝo.

Kiam la horloĝo knare kaj nelaŭte sonorigis la unuan, sinjoro Miler leviĝis de la lito kaj levinte la kurtenon rigardis sur la korton. En ĉiuj fenestroj estingiĝis jam la lumoj. — Je la dua mi iros — li movigis senlaŭte la lipojn. — Mi iros je la dua — li ripetis post momento kvazaŭ ne kredante ankoraŭ pri l' realeco de tio, kio post unu hor' estis okazonta. Malrapide li komencis senvestiĝi. Demetinte la surtuton kaj veŝton li sidiĝis sur la lito kaj enfalis denove en apatian enpensiĝon.

En la loĝej' unu etaĝon suba subite ekploris infano. Dum kelkaj minutoj estis aŭdebla surda, monotona frapado de l' lulilo je l' planko. Poste knaro de veturilo pasanta la straton tiel forte skuis la silenton, ke l' vitroj ekbruis en la fenestroj. De malproksime venis penetra, malĝoja fajfo de lokomotivo. Ĉiujn ĉi sonojn sinjoro Miler aŭskultis kun miro, kvazaŭ unuafoje en la vivo ilin aŭdante. Tio lin tute ne mirigis. Tiu aperaĵo plene konsentis kun la leĝoj de l' psikologio kaj la samajn sentojn travivadis ĉiuj herooj de romanoj, kiujn li legis.

Kaj sinjoro Miler mem neunufoje jam ilin travivadis en la fantazio. Tamen poste li estingadis la kandelon kaj plej trankvile endormadis. Sed hodiaŭ liajn revojn estis fermonta l'ago. Krimo!

Li pripensis ĝin tiel rafinite, ke ne minacis lin eĉ plej eta danĝero. Grandiozaĵon li ne atendis, tamen esperis iajn kelkajn milojn da frankoj. La vidvino, de kiu li luis la ĉambron, en la tuta dom' estis konsiderata kiel person' avara kaj bonhava. Kun tiu mono ŝinjoro Miler intencis forveturi eksterlandon — ne tuj, post unu, du monatoj, por forigi ĉiujn suspektojn. Kaj tie, en la grandaj eŭropaj metropoloj komenci flui sur larĝaj akvoj, vivi vere.

Sinjoro Miler delonge revis pri tio, ke li restu eminenta internacia ŝtelisto, unu el tiuj aristokrataj banditoj, kiuj rekte el la baloj en ambasadoraj salonoj, en frako, kun briliantaj bukoj ĉe l' ĉemizo iras en apudurbajn kavernojn por tie disdoni ordonojn al siaj subuloj.

Kompreneble, ke batalo kun la polico — sinjoro Miler ne ŝatis tiun vorton, kiu sonis tro triviale, kaj pensis ĉiam: kun detektivoj precipe tiaj, kiel Sherlock Holmes — postulas respondan prepariĝon kaj li klerigis sin fervore. Kaj kun fiero li povis diri, ke ne ekzistis eĉ unu kriminala romano, originala ĉu tradukita, kiun li ne estus leginta. Dank' al tio li konis ĉiujn ruzojn kaj artifikojn de detektivoj kaj antaŭsciis, kiel ilin kontraŭagi...

Sinjoro Miler malamegis la homaron. Oni ne povas miri pri tio konsiderante, ke liaj ideoj pri l' vivo estis tiel malproksimaj de realeco, kiel la norda poluso de la suda. Interne de sia animo li sentis sin kreita al riĉaĵoj kaj grandsinjora lukso, al aventuroj, romantikaj amkonkiroj, kaj devis sufokante en si tiujn dezirojn kaj la senton de supereco, perlabori modestan vivsubtenon kiel komizo en magazeno de virtolaĵo. Iafoje en momentoj de malfervoriĝo li sentis naŭzon al si mem. Iritis lin tiu nomo Miler, kiu sonis tiel malaristokrate kaj burĝe. Li revis tiam, ke li estas nelegxa filo de iu princo kaj ke jen iun tagon la princo pentante sur la mortolito vokos lin al si por redoni al li la titolon kaj havon. Tamen la tagoj pasadis kaj la heroldoj ne aperadis en la butiko.

El siaj konsideroj pri l' vivo sinjoro Miler eltiris la konkludon (li havis filozofian intelekton), ke en la vivo ĉio estas ekstreme simpla, nur unu afero tre malfacila, same en la bono kiel en la malbono, nome la ĝusta okazo.

Delonge jam li havis elektitan viktimon, la vidvinon, de kiu li luprenis la ĉambron; sed la vidvino loĝis kun kuzino kaj servistino, kaj sinjoro Miler sentis bone, ke kuraĝi mortigon de tri kriemaj estaĵoj estas neeble. Li malbenis la sorton, kiu baris al li la vojon al liberiĝo el la ĉiutaga jugo per stultaj, etaj „cirkonstancoj". Sed subite en la momento, kiam li, deprimite, malplej tion esperis, la kuzino forvojaĝis kaj la sekvintan tagon post ŝi forveturis la servistino vokita vilaĝon per telegramo pro morto de iu parenco.

La vidvino restis sola...

Ĉio ĉi okazis tiel rapide, tiel neesperite, ke sinjoro Miler estis tute konfuzita. Tamen ĉar li scipovis en malfacilaj situacioj orientiĝi fulmrapide, do tuj li rericevis malvarman sangon.

Dum la tuta tago li tamen estis febr-ekscitita kaj devis perforte sin regi por sian staton ne perfidi per iu eĉ plej malgrava, kontraŭvola ekmovo. Tiu sinperfortigado al kvieto, kiam ĉiuj nervoj en li tremetis, estis terure laciga, precipe, ke ludante la komedion ankaŭ tion li devis atenti, ke li ne ludu ĝin tro bone. Ŝajnis al li, ke tiun tagon ĉiuj: la ĉefo, la kasistino kaj du butikaj kamaradoj observis lin kun iu speciala atento. Kompreneble ĝi estis imagaĵo, konsente kun la leĝoj de l' psikologio, ĉar ankoraŭ neniu havis kaŭzon lin pri io suspekti, tamen en sia tim' imagita sinjoro Miler vidis mankon de malvarma sango kaj necesa forto de nervoj, kaj tio lin timigis. Antaŭ la vespero li jam estis proksima al freneziĝo. El kirlo da kontraŭaj pensoj formiĝis en lia kapo tia kaoso, ke li ne plu povis sin regi. Sub l' influo de nerveco li sin apenaŭ ne perfidis. En la butikon venis bela, elegante vestita junulo kaj postulis bagatelaĵon. Sinjoro Miler donis ĝin al li kun ĉarma rideto. Kiam la junulo foriris, li turnis sin al la kasistino:

— Fraŭlino Anna, bela bubo, ĉu ne?

Fraŭlino Anna, malgraseta, anemia blondulino skuis iom la brakojn ne levante l' okulojn de la libro.

— Ĉu li plaĉis al vi?

— Bonvolu min ne malhelpi — ŝi siblis ruĝetiĝante pro kolero.

— Oh, tuj vi ofendiĝas.

— Kial vi estas hodiaŭ tiel ĉarma? — ekparolis dua komizo, sinjoro Kazimiro, deziranta defendi la kasistinon.

Tiu rimarko de l' kolego tiel lin surprizis, ke li tuj konfuziĝis, perdis animkonscion. Li ne kuraĝis levi l' okulojn sentante, ke li riĝiĝus ĝisorele se li renkontus ies rigardon. Konvinkite, ke ĉiuj turnis je li l' atenton, dezirante savi la situacion, post momento li mem alparolis la kolegon.

— Kial vi min tiel alrigardas?

La komizo malŝate skuis la brakojn.

— Mi vin?

— Mi estas iom pala, ĉu ne?

— Tute min ne interesas, ĉu vi estas pala aŭ ruĝa!

Sinjoro Miler klinis sin al li kaj fermetante l' okulojn flustris kun mistera rideto:

— Brunulino... Ĉu vi scias, je kioma horo mi hodiaŭ ekdormis?

— Nu?

— Je l' sesa... Tial mi estas iom ekscitita.

— Diabloj vin prenu.

Sinjoro Miler ekridetis kontente. La fiŝo englutis la hokon — trakuris lin la penso. Tio lin iom kvietigis. Sed la sento, ke li preskaŭ sin perfidis, ekregite per ekscitiĝo, ne ĉesis lin turmenti. Cetere li diris al la kolego veron. Efektive li revenis hejmen je l' sesa matene. Supozante, ke li povus esti tiun tagon ekscitita, li antaŭe pripensis tion, ke li povu tiun ekscitiĝon klarigi per natura kaŭzo.

Oni fine fermis la butikon.

Sinjoro Miler rapide vespermanĝis kaj havante ankoraŭ du horojn da tempo iris en la Aleojn. Estis varma, lunbrila vespero. Post la pluvo l' aer' odoris printempe.

— Dum belvetero mortos la virino — la penso trakuris lian kapon. Kaj ekregis lin admiro por la propra kinikismo. Moki en tia momento, tio superis ĉion. Li havis l' impreson, ke se li rigardus sin en ĉi momento en la spegulo, li ekvidus antaŭ si diablon. Ĉar tio estis demona.

Irante malrapide sur rando de l' pavimo li lastafoje kontrolis sian planon submetante la plej etajn detalojn al severa kritiko.

La domo, en kiu li loĝis, havis tri kortojn. En la tria troviĝis fiakraj veturilejoj kaj ŝtaloj kaj de najbara domo dividis ĝin sole nealta barilo, kiun oni facile povis transrampi. Per tiu ĉi vojo sinjoro Miler revenis en la loĝejon evitante tiamaniere renkonton kun la domgardisto. Kaj per la sama vojo li intencis post la plenumo de l' krim' eliri sur la straton. El la najbara domo li povis kuraĝe jam eliri malkaŝe tra l' pordo, ĉar tie loĝis kelkaj publikaj knabinoj kaj la domgardisto estis alkutimiĝinta enlasadi kaj ellasadi nokte nekonatajn homojn.

Lia plua plano estis plej kviete reveni hejmen, forte sonori al la pordo, komenci pri io demandi, por ke la gardisto, kiu povis esti dormema, bone lin rimarku, kaj fine veninte supren, alarmi la tutan domon per la malkovro de l' krimo.

Ĝis nun ĉio sukcesis bonege. Nerimarkite li revenis hejmen. Sur la ŝtuparo kaptis lin la timo, ke la vidvino eble invitis iun el amikinoj por la nokto, tamen ŝi mem lin trankviligis. Kiam li venis, ŝi ne dormis ankoraŭ. Momenton ili tra l' pord' interparolis.

— Cu vi? — ŝi demandis per malkvieta voĉo.

— Jes, mi.

— Bone, ke vi revinis. Mi estas sola hejme. Mi sentos min pli kviete. Bonan nokton.

Li aŭdis, kiel ŝi foriris en la dormoĉambron ferminte la pordon.

Tiu mallonga interparolo tiel lin nervekscitis, ke longan tempon li ne povis kvietiĝi. La vortoj faladis de la lipoj de l' vidvino iel strange morte, kvazaŭ tion parolus jam ne viva homo, sed kadavro... Kaj sinjoron Miler kaptis subite superstiĉa timo. Li faris eĉ per la mano lian movon, kvazaŭ li deziris fari krucosignon.

— Duono post l' unua — traboris subite lian cerbon.

Malespere li streĉis l' aŭdosenton. Li deziris, ke lin atingu ia suspektinda brueto, kiu donus al li signon, ke ie proksime gardas la homoj kaj kiu permesus al li prokrasti ĉion ankoraŭ ĝis morgaŭ. — Je l' dua mi iros, je l' dua — li ripetadis mekanike dezirante plenigi l' animon per tiu ĉi penso kaj ne enlasi l' aliajn.

Malrapide li komencis senvestiĝi.

La koro tiel perforte batis en lia brusto, ke ĝiaj frapadoj kuniĝis kun la febra tiktakado de l' horloĝo en la najbara ĉambro.

Li decidis iri nuda. La vidvino povis moviĝi, defendi sin kaj ŝiri lian ĉemizon. Kaj oni ne scias, ĉu morgaŭ ne estos farata ĉe li revizio. Sur la manojn li prenis gantojn por ne postlasi sur la kolo de l' kadavro represojn de l' fingroj. Kaj li ekridetis kontente.

— Sherlock Holmes mem nenion malkovrus.

Atendis lin ankoraŭ kelkaj tagoj treeĝe lacigaj kaj malagrablaj. Li sentis, ke li devos havi multon, multegon da malvarma sango kaj stala kvieto de nervoj por ne konfuziĝi sub penetra, esplora rigardo de policagentoj, kiuj lin estos esplorantaj.

Subite la horloĝo en la najbara ĉambro sonoriĝis la duan.

Sinjoro Miler fermetis l' okulojn. Tamen en la sama momento li per fulma streĉo de volo la kortuŝon ekregis, salte leviĝis de l' lito kaj malrapide, kiom eble plej singardeme metante la paŝojn, por ke la planko sub liaj plandoj ne ekknaru, komencis ŝteliri al la pordo.

Longan tempon li timis premi l' anson. Li staris kaj aŭskultis.

Malseka ŝvito kovris lian frunton. Li traŝovis la vizaĝon per la mano kvazaŭ dezirante konvinkiĝi, ke li ne dormas. Tio, ke li iris mortigi homon, ekŝajnis al li tiel neverŝajna kaj neebla, ke li ne kredis la proprajn movojn.

Tiel li staris kvaronhoron. Rekonsciiĝinte li komprenis, ke li tiel atendis intence, por ke fariĝu io, nekonata io, kio malhelpus lin iri pluen.

Kaj mekanike li prenis l' anson. La pordo malfermiĝis senbrue. Malrapide, haltante spiron en la brusto li ŝoviĝis antaŭen. Eble dek minutoj forpasis, ĝis kiam li transiris la ĉambron dividantan lin de la dormoĉambro de l' vidvino.

Subite li paŝis nesingarde kaj la planko ekknaris sub liaj piedoj. En la nokta silento tio eksonis tiel laŭte, kvazaŭ surda krako.

Kaj subite, kiam li ĝuste estis etendonta la manon por malfermi la lastan pordon, tiu ĉi pordo malfermiĝis mem. Sur la sojlo staris la vidvino en la ĉemizo. La brilo de l' luno faladis rekte sur ŝin kaj precize ŝin lumigis.

Sinjoro Miler ekŝanceliĝis, kurbiĝis kaj en atako de iu teruriga timego, paralizis lian volon — ĵetis sin al forkuro.

Li falis sur la liton, altiris la kovrilon sur la kapon kaj rampis en spasmaj konvulsioj mordante la lipojn ĝissange por ne krii.

Post moment' en la ĉambro ekknaris la planko. Kaj li aŭdis super la lito minacan voĉon.

— Do vi tiel respektas honestan, seriozan virinon?

Li ne respondis, premante la kapon al la kuseno. Kaj kiam per malespera streĉo de cerbo li serĉis iun ajn klarigon, elturniĝon, kiu havus almenaŭ malproksiman ŝajnon de vero, li ekhavis l' impreson, kvazaŭ ies mano karesis malpeze liajn harojn kaj la sama voĉo, sed jam pli milda, pli mallaŭta, transiranta preskaŭ en susuron, aldonis:

— Mi antaŭsentis, ke vi venos!

* * *

Sinjoro Miler neniam konfesis al l' edzino, ke li intencis iam mortigi ŝin. Sed li komprenis, ke sole sur honesta voj' oni povas atingi la celon en la vivo.

**El la pola lingvo tradukis Baroko.**

# FAMILIA NESTO.

## UNUA ĈAPITRO.

### LA UNUA TAGO.

Paĉjo diris, ke nun mi jam scias skribi. Aŭdinte tion panjo ekploris. Mi ne komprenas pro kio. Maturaj ĉimpanzoj ofte mirigas min. Ne unu fojon ili faras tre strangajn aĵojn kaj parolas pri ili... Kial ili nomas mian paĉjon Rru, kaj panjon — Lo-lo? Mi ankaŭ ne komprenas, kial ĉiuj min nomas Ket? Mi pensas, ke la maturuloj scias, kion ili faras... Panjo ankaŭ scias. Dum la tuta tago ŝi laboras... Ŝi plibeligas, purigas kaj riparas la dometon... La ĉimpanza popoleto loĝas en nestoj. Kunplektas ilin el sekaj branĉoj, sternas en ili herbon kaj nuksan lanugon. La nuksoj falas de arboj, rompiĝas kun bruo. Sur la tero restas tiam multe da lanugo. Mi havas molan kuŝejon el lanugo. Mi kuŝas kaj vidas super mi tegmenton. La gepatroj faris ĝin el branĉoj kaj pecoj de arboŝelo. Ĉiuj tegmentoj estas ŝtopataj per herbo kaj folioj. Niajn dometojn ni kaŝas sur la pintoj de plej altaj arboj.. El malsupre neniu ilin perceptos...

### LA TRIA TAGO.

Mi ekkomprenis, ke la tero kaj akvo estas teruraj.

Hodiaŭ antaŭ la sunsubiro, kiel kutime, ni iris al la rivero. Ni sidiĝis sur branĉoj, pendante super la bordo. Unu el la defendantoj saltis teren kaj rapide kuris al la akvo. Li tamen ne trinkis kaj tuj rapide grimpis sur la arbon. Li rigardis ĉiuflanken kaj mallaŭte, averte kriis.

— Kial Su ne trinkis? — mi demandis panjon.

— Li devis antaŭ ĉio esplori, ĉu ie proksime ne insidas kontraŭ ni malamiko — respondis panjo.

— Kio estas malamiko?

— Tio, kio estas maljusta kaj mortigas — murmuretis panjo.

Mi ne komprenas tion. Mi volis demandi, sed nia popoleto kuris al la akvo.

Mi ekkuris apud panjo. Ni estis trinkintaj kaj rapide saltis sur la branĉojn.

Sur la bordo restis la najbarino Mi-Ri kun filineto. La defendantoj kriis, ke ŝi rapidu.

Mi-Ri ne obeis kaj spegulis sin en la akvo. Ridis laŭte kaj ĝojkriis.

Mi scias, ke kiam mi klinas min super la akvo, ĉiam el ĝi rigardas malgranda ĉimpanzineto. Iun fojon mi elmontris la langon, kaj tiu tuj elmontris la sian.

Mi ridis, sed panjo mallaŭdis min pro la malbela mieno.
— Mi-Ri! — vokis la defendanto.
— Revenu! Revenu!
— Ŝi ne obeis kaj ĝojkriis ankoraŭ pli laŭte.
Subite el arbusto saltis tre bela, rapidmova besto. Ĝi estis tre granda. Havis flavan pelton kun nigraj strioj kaj longan voston. La verdaj okuloj ardis. Per unu salto ĝi falis sur la ĉeborde sidantajn simietojn. Frapis Mi-Ri'n per manego kaj per kojndentoj kaptis la malgrandan filineton. Ili ĉesis krii kaj kuŝis senmove.
Ah!
Mi tremas tuta je tiu rememoro.
La atakanto per akraj ungegoj disŝiris niajn simietojn kaj formanĝis ilin. Nenion helpis la krioj de l' defendantoj.
— Ĉu li formanĝis? Simile kiel mi formanĝas dolĉan bananon? — mi demandis panjon.
— Jes — respondis panjo kun malgajo. Li mortigis la malfeliĉan, neatenteman Mi-Ri...
Nun mi scias, kion signifas — mortigi!... Tio estas terura kaj abomeninda....

Kun afabla permeso de l' aŭtoro el la pola tradukis
**S. Grenkamp-Kornfeld.**

**WŁADYSŁAW ST. REYMONT.**

# LA TAGO DE MORTINTOJ.

Venis la tago de mortintoj — griza, sensuna kaj senviva, ke eĉ la vento ne peladis sekiĝintajn branĉetojn kaj ne ŝancelis l' arbojn, kiuj staris peze klinitaj super la tero...
Kaj en la vilaĝo jam dematene la sonoriloj batis malrapide kaj senĉese kaj malĝojaj, dolorplenaj sonoj ĝemadis sur nebulkovritaj, malplenaj kampoj: per deprimita voĉo de funebro ili vokadis en tiu ĉi melankolia tago...
Posttagmeze al vespera diservo, kiu estis celebrata unufoje dum jaro en la tombeja kapelo, ekmarŝis ĉiuj de la kabano de Boryna.
Iris ge-Antonioj kun infanoj, iris geforĝistoj, iris Jonjo kun Jagustinjo, kaj ĉefine lampaŝis Kuba kun Witek, por tiun ĉi solenan tagon ĝui ĝisfunde.
La tago jam ekmalfermis grizajn, lacajn palpebrojn, estingiĝadis kaj enprofundiĝadis malrapide en angorigan malĝojan profundegon de l' krepuskoj: la vento ekmoviĝis kaj tiradis sin tra kampoj kun ĝemo, bruis inter la arbustaĵoj.
Estis mallaŭte... Homamasoj iris la vojon en severa silento, nur bruo de piedoj aŭdiĝadis obtuze, nur la arboj apudvojaj ŝanceliĝadis maltrankvile kaj kvieta sed doloriga susuro de branĉoj tremis super la kapoj, nur tiuj muzikadoj kaj donacpetaj kantoj de almozuloj ploris en aero kaj faladis senefe...
Antaŭ la pordego, kaj eĉ inter la tombomontetoj apud la muro staris vicoj de bareloj, kaj ĉe ili instaladis sin aroj da almozuloj.
Kaj la popolo fluis la vojon sub la popoloj al la tombejo; en krepusko briletadis lumoj de kandeloj, kiujn havis kelkaj kaj ŝanceliĝadis flavaj flametoj de buteraj lampetoj, kaj ĉiu, antaŭ ol eniris la

enterigejon, elprenis el sako jen fromaĝon jen peceton da lardo aŭ kolbaso, jen bobenon da ŝpinaĵo aŭ manprenon de kombita lino, jen laĉaĵon da fungoj kaj metadis ĉion pie en la barelojn — kaj ili estis tiuj de l' pastro, estis de orgenisto kaj de Ambrozio, kaj la ceteraj de almozuloj, kaj kiu en ilin nenion metis, tiu enpremis iun groŝon en la etenditajn almozulajn manojn kaj flustris nomojn de mortintoj, pro kiuj li petis preĝon.

Horo de preĝoj, kantoj, nomoj rememorigataj per ĝema ritmo, altiĝadis ĉiam super la pordego, kaj la homoj preteriradis — iradis pluen, disiĝadis inter la tombomontetoj, ke baldaŭ lumetoj komencis brileti kvazaŭ lampiroj kaj flagri inter la krepuskoj kaj densaĵoj de arboj kaj sekiĝintaj herboj.

Obtuza, timeme mallaŭtigita flustrado de preĝoj vibris en la surtera silento; kelkfoje doloriga plorego leviĝis de la tombomontetoj; kelkfoje plenda lamento serpentumis en disŝiraj tordaĵoj inter la krucoj; aŭ iu krio subita, mallonga, ŝvelinta pro malespero kiel fulmotondro disŝiris la aeron aŭ mallaŭtaj ploradoj infanaj — orfaj pepplendis en kovritaj per krepusko densaĵoj kvazaŭ birdidoj...

La homoj vagadis inter la tombomontetoj mallaŭte, flustradis timplene kaj timeme rigardis la krepuskantan, senfundan foraĵon...

**Tradukis Tad. Hodakowski.**

## LA KANTO DE L' ORFA AMO.

Min fajraj febroj pelis al la mondo,
La sang' instigis al kuraĝa vort';
Gapadis homoj ĉirkaŭ vagabondo,
Sed vane penis mia plora fort'. —
Mi restis sola kun la orfaj floroj,
De miaj lipoj ek-elfluis sang',
Salutis vane mi al fremdaj koroj,
Balbutis vane mia sanga lang'. —

— — — — — — — — — — — —

La koron premas tombe nokt-inkubo.
Palpadas mi al helpa, frata man';
Mi ĝemas sur la tempa, korpa rubo,
En mi ekflagras forcindriĝa flam'. —
La ĉerkon noktan devas ni trafendi;
Komprenu min! ho, kie via man'?
Mi vin, vin mi nur povas nun defendi,
Ho frat', vin vokas mi, la orfa am'. —

**Fr. Szilágyi (Budapest).**

# LA ESPERO.

La homo esperas tiom longe, kiom li vivas. Tre grava parto de liaj imagoj kaj sentoj moviĝas en esperoj, jen je tiu, jen je tiu ĉi agrablo kaj bono, precipe oni diras, ke la juneco estas la tempo, kiam esperoj pleje floras. Tial ĝi certe, la eta, afabla kaj konsola kunulo de nia vivo meritas, ke ni okupiĝu pri ĝi kelkajn momentetojn por pli proksime kun ĝi interkonatiĝi.

La espero estas la imago de iu estonta bono kaj agrablo. Ĉar oni povus pensi ankaŭ tian, pri kia oni tre certe scias, ke ĝi efektiviĝos, tial ni volas aldoni, — de ia estonta e b l a bono. La revo de maldormanto, nura fantazio, ankoraŭ ne estas espero. Kaj ĉar la espero de ĝoja okazaĵo, kiun ni eble iam renkontos ĉiukaze de

agrabla sento akompanata estas, do ni ankaŭ tion volas preni en la difinon kaj ni volas diri:

„Espero estas emo en la imago de iu estonta ebla bono".

Kia bono kaj agrablo estas celpunkto de la espero? Ĉia, la plej granda kaj la plej eta, la proksimo kaj la malproksimo. Por proksima estonteco ni esperas ekz. la viziton de amiko, gajan libertempon, k. c. Por pli malproksima: laŭdon kaj honoron, antaŭeniĝon al pli gravaj postenoj, bonstaton k. a. kaj se la unue nomita ŝanĝiĝas laŭ tempoj, cirkonstancoj kaj bezonoj, do la pli lasta konstante kaj daŭre restas en la malantaŭo de l' animo, kaj se la unua nin gajigas, ni estas nur ete incititaj per la imago de la en malproksima estonteco troviĝanta ebla bono. Tio dependas de la mallongeco kaj longeco de la tempo, kie la espero efektiviĝu, la certa de tiu kaj la malcerta de alia objekto.

Oni ankaŭ devas pririgardi la econ de l' espero. Oni konas senbazan kaj malsaĝan esperon. Ĝi estas tiam tia, se la ebla plenumo dependas de kondiĉoj, kiuj plejparte kuŝas en nia volo, en nia agomaniero, sed de ni, kvankam ni tion scias, pli aŭ malpli ne estos plenumitaj. Malsaĝa ofte ankaŭ estas la espero, kiu kalkulas je la favorigo de la blinda hazardo, se oni esperas je la „granda gajno" en la loterio. Finfine estas malsaĝaĵo ĉia senmasa, tro certa espero, ĉe kiu oni ne pripensas la eblon de l' malsukceso.

La malo de la espero estas la timo, t. e. imago de estonta ebla malbono. Kaj do, kiom ofte sin tuŝas en nia koro la ekstremoj! Ju pli vive la espero, des pli proksime estas ĝia malluma kontraŭulo, ofte ili ŝanĝiĝas ĉe ni dummomente. Kaj, kiel la homo dumvive ĉiam esperas, tiel li ankaŭ timas. Al la malsaĝaj esperoj devas kontraŭstari la saĝaj. Sed komprenindaj estas tiuj je ia bono, celcertaj celitaj esperoj: t. e. tiuj, al kies efektivigo ni mem laŭforte kaj honeste kunhelpi povas.

Apartenas ankaŭ al praktika vivsaĝeco eviti, ke ni ne malsaĝiĝu ĉe l' espero. Kaj al tio estus rekomendinda sekvanta konsilo: Esperu la plej bonajn ĉiam de vi mem, ne de aliaj, malplej de iu hazardo. Ĉu tio ne sonas fiere kaj sendie? Certe ne, se ni la „vi" aŭ la „mi mem" kiel tiela pensas, kiu en pia konfido je Dio, sindonas al ĉiuj Liaj voloj kaj donante sian tutan povon al dignaj celoj.

En ĉiuj tiuj kazoj kompreneble, kie ni kun nia povo nenion faris, ni ne povas je io esperi. Se ni ankaŭ estas — esperantoj — kaj de profesio eĉ „esperantistoj" do ni ne esperu, ke ni sukcesos sen ia peno. Ĉiu faru, kion li povas, kaj aldonu al nia afero, kio estas ebla al li, sed li faru iom. „Paŝo post paŝo ni certe atingos la celon". Jam la Grekoj sciis, ke „La dioj metis la ŝviton antaŭ la sukceson".

**Joseph Janoschka**

# APOSTOLO DE ESPERANTO.

Moto: „Se mi parolus ĉiujn lingvojn de l mondo, kaj ne havus amon, mi estus kiel kupro sonaĉanta aŭ cimbalo tondranta . . . . .
(Letero de Sankta Paŭlo al Korintanoj).

Nia epoko estas la plej skeptika el ĉiuj pasintaj kaj eble — venontaj. Mankas en ĝi absolute loko por mirakloj. Oni ja devas nepre kredi por ekvidi malfermiĝantan ĉielon. Kredo, kiel oni diras, transportas montojn kaj — kreas miraklojn.

Kaj tamen miraklo faris tiun ĉi solan fojeton escepton kaj — okazis spite malfavorajn cirkonstancojn, spite nekredemajn ridaĉojn de nuntempaj „nekredemaj Tomasoj". En nia jarcento estas multe pli facile leviĝi per balono en stratosferon, aŭ konstrui televizoron, ol trovi ŝlosilon al — homkoro. Ĝi estas la plej stranga kaj komplikita maŝino de siaj tempoj kaj miriga meĥanismo de ĝia seruro montretas ĝis nun emon cedi nur al ŝlosilo farita de oro aŭ — monbiletoj.

Antaŭ nelonge ni estis atestantoj de „Solena Malfermo" de l' homkoroj sen uzo de supre menciita ŝlosilo.

Ĉu ĉi fakto ne estas miraklo, kaj homo kiu ĝin okazigis miraklofaranto?

* * *

En plen-plena universitata ĉambrego pendas streĉa silento. Unua leciono de pastro Andreo Ĉe. Li alpaŝas katedron, komencas paroli (jes — pere de ĉarma transformatoro) kaj — kaj depost unua momento arĝentbluaj radioj de stranga ia fluidaĵo ligas al li aŭskultantaron. Kelkaj unuaj esperantaj frazoj, kiujn li al ni nerimarkeble ekinstruas faligas fulme la murrestaĵojn de l' fremdeco kaj indiferenteco, ĉiam starantaj inter nekonataj al si reciproke personoj. Forpasis kelkaj horoj. Ni jam scias (en esperanto) ki-u kaj ki-o li estas, kaj li mem montras grandan interesiĝemon koncerne niajn nomojn kaj profesiojn. Ni jam estas certaj, ke diketa sinjoro kun blankbarbeto ne estas (gardu Dio!) juna studentino, sed maljuna instruisto. Ni povas eĉ ĵuri (en esperanto), ke samkursano en unua benko ĉe la fenestro ne estas mortiganta homojn doktoro, sed nur amuziganta ilin — kinodirektoro. Kaj eraregas (en esperanto!), kiu supozas, ke la ruĝa rozo estas verda krokodilo! Ne! ne! ne! ĝi estas bela floro! Ni ridas, ridas, multe ridas (ankaŭ en esperanto!) Kelkaj eĉ plendas, ke ili ekmalsanetas pro troo da ridskuoj. Kaj ĉiuj preskaŭ miras miregas, ke anstataŭ enŝovi nazojn en lernolibrojn, kaj tedajn gramatikregulojn en malbone pro tropika varmego, funkciantajn cerbojn, oni solvas tiajn facilanimajn problemojn kiel ekz. „ĉu li amas ŝi? — ĉu ŝi amas li?" Tamen oni estas finfine kontentega eksciante, ke sufiĉas aldoni al la pronomo malgrandan litero „n" por kunigi per ama ĉeno du turmentatajn de amnecerteco gehomojn.

Iun tagmezon la kursgvidanto trinkigas gelernantaron per eta porcio da verda lakto (konversacia literaturo presita sur verda papero) kaj ĝi ĝuas la plej bonan digeston — stomako eĉ ne doloretas — ĝi estas verŝajne sufiĉe preparita kaj hardita por akcepti la trinkaĵon. Horoj havas flugilojn — malbona objekto (horloĝo) notas ilian forkuradon. En iu momento oni konsciiĝas al si subite, ke oni jam komprenas la gramatikon kaj parolas — parolas — en esperanto.

Kaj ĉi konscio kuraĝigas fari diversajn ŝercojn, malgrandajn operaciojn (gesinjoroj ĉu vi havas fortajn korojn?) kaj — kaj — kaj — sur la tabulo.

Denove du tagoj kaj ni jam estas duon-akademianoj: mi eĉ geografion kaj etnografion lernas esperantlingve. (Ho belega hispana etiketo, ho ĉarmaj botokudaj fratoj!) La komuna kunestado, esperanta konversacio (for aparato! Negro faris sian devon, negro povas foriri) la komuna gajeco, la komunaj malgajaj (sed ne tre) operacioj — proksimigis reciproke la instruiston kaj gekursanojn. Atmosfero ĉiam plisinceriĝas, plisimpliĝas, plikoriĝas. Ŝajnas ke infaneca senzorga venteto blovas super niaj kapoj. Oni parolas kun ni pri niaj proksimuloj, amikoj, bestoj. Ĉio estas interesega kaj valorega. Ĉiu estas la plej grava persono en la kurso. Ĉies vivo estas konsiderinda kaj interesinda. Ni ĉiuj sentas grandan amon kaj simpation, kiun havas tiu grandioza homo por ni. Kaj ni estas feliĉaj kiel infanoj. Oni fratiĝas, pliboniĝas kvazaŭ oni vivus en alia mondo, en mondo de kiu forkuris malamo kaj malnoblaj superstiĉoj.

Venas lasta tago — tago de disiĝo kiam oni fariĝas plene konscia pri miraklo, kiu kreiĝas dum la tuta kurso kaj ĵus realiĝis: ni ĉiuj havas kapon plenan de facilaj, precize ordigitaj, benegaj gramatikreguloj, buŝon plenan de belaj, mallongaj, elegantaj, simplaj (kaj kuraĝaj ankaŭ!) esperantaj frazoj kaj plej grave (aŭdu! aŭdu!) koron (ĝuste tiun strangan maŝinaĉon!) plenan de Amo al bela, nobliganta homanimon Zamenhofa lingvo kaj al tiu, kiu tiel facile kaj elegante, bonhumore kaj nerimarkekle alpropriĝis ĝin al ni.

* * *

Se pastro Ĉe estus virinta en mezepoko (mezaĝo) oni estus lin certe bruliginta sur ŝtiparo, kiel sorĉiston, kies animan influon je homoj oni estus konsideranta kvazaŭ sorĉkapablo. Se li estus samtempano de Kristo li estus dividinta la sorton de dekdu aliaj apostoloj li — la dektria. Bonŝance li malfruiĝis je preskaŭ du jarmiloj kaj nun plenumas la destinitan al li de Providenco taskon: la apostoladon de l' Amo. Li apostolas ĝin. Modernmaniere — ni ja vivas en dudeka

jarcento — sed certe ne malpli ĝojigante tiun Luman Spiriton, kiu instruis al la homaro Amon kaj Pardonemon, kiu anoncis Pacon en ĉielo kaj tero al homoj de Bona Volo, kaj kies servanto li estas laŭprofesie.

Zamenhof ekaperis por rememorigi la popolojn pri forgesita jam pura ideo de kristanismo, pri ideo kiu igis la unuajn kristanojn mortadi en flamoj kun rava rideto sur lipoj, kaj post li venis geniulo trovinta rimedojn konvinkigi homaron pri nepreco de ĉi tiu ideo, enigi ĝin eĉ en plej skeptikajn korojn kaj animojn — venis pastro Andreo Ĉe.

Nun unu demando. Demando kiu pensigas liajn amikojn, adeptojn kaj maldormigas liajn malamikojn, kontraŭulojn: (jes, jes eĉ tia homo trovas enviulojn!) Kio estas la sekreto de liaj grandegaj sukcesoj?

Ĝi ne estas lia eksterordinara instrukapableco, lia brila inteligenteco, lia mirinda suda temperamento. Ĝi ne estas eĉ lia ora buŝo kaj ĉampana humoro. Kaj eĉ ne la stranga ĉarmo de lia individueco!

Ĝi estas lia granda varmega koro. —

Lia arda amo al la ideo kaj homaro.

El ĝi naskiĝis lia suneca instrumetodo. Por ebligi al amataj gefratoj facilan kaj agrablan lernadon de esperanta lingvo li montris sin plej fama aktoro sur pedagogia scenejo, granda inventinto, kiu eltrovadas diversaĵojn (ĉiam subite kaj neatendite), kameleono ŝanĝiĝanta laŭbezone je doktoro, kelnero, raketo spruĉanta per etaj fajreroj de l' freŝa humoro. Amo donas al li tiun preskaŭ nekredeblan agadtakton dum instruado de diversprofesiaj kaj diversaĝaj personoj. Ĝi estas ĉi arĝenta, fabela puto el kiu li ĉerpas novajn fortojn por sia superhoma laciga laboro kaj batalo. Tiu amo al belo kaj bono, al pli feliĉa estonteco de l mondo kaj homaro radianta el ĉiu lia faro kaj vorto vekas plej profundon amon por li mem kaj pere de li por lingvo, kiun li instruas kaj ideo, kiun li reprezentas. Karaj bondezirantoj de Andreo Ĉe kaj (mal)karaj malbondezirantoj! Vi kiuj revas pri liaj sukcesoj kiel pri neatingebla idealo kaj vi kiujn suferigas lia grandeco aŭskultu, aŭskultu: Ĉiu el vi povas fariĝi Andreo Ĉe (en miniaturo kompreneble!) sed antaŭ ĉio lernu ami kiel li, ami arde saĝe senprofiteme forte kaj konstante homfraton kaj esperanton! Lena.

# LA ESPER-MOVADO EN WARSZAWA.

## Esperanto en turista societo.

Ni vivas sub signo de pli kaj pli disvolviĝanta turismo, sub signo de konkurado inter diversaj rimedoj de komunikacio. Evidentiĝas batalo inter fervoja kaj aŭtomobila komunikacioj, inter marvojo kaj aerkomunikado, inter rapideco kaj oportuneco. Kreskas la nombro de pasaĝeroj kaj turistoj, pli multaj ŝipoj estas konstruataj plimalaltiĝas la prezoj de vojaĝbiletoj, kio influas ree pligrandiĝadon de l' frekvento.

La progreso de turismo havas grandan estontecon. Kaj la pola turismo havas, krom aliaj ankoraŭ la taskon enigi Polujon en la komplekson de internacia turismo sur bazo laŭeble larĝa. Sed por tio estas necesaj ne nur rimedoj de komunikacio, sed ankaŭ ilo por reciproka interkompreniĝado. Tamen, eĉ sciante aliajn naciajn lingvojn, estas malfacile interkompreniĝi kun homoj en diversaj landoj, ĉar estas ja neeble koni ĉiujn lingvojn.

Restas do Esperanto, la sola helplingvo, kiu pruvis sian perfektecon en ĉiuj branĉoj de la kultura vivo. Ĉiu konfesas, ke grandega estas la signifo de Esperanto por turisto eksterlande.

Nenia do miro, ke la turistaj societoj devas subteni Esperanton por sia propra bono. Kaj komprenis tion ĉi interalie la varsovia Juda Landkonema Societo (ŻTK), enkondukante Esperanton kiel oficialan lingvon apud la pola kaj juda.

La poresperanta agado en la societo pli kaj pli disvastiĝis. Oni do aranĝis ekskurson al la IV Tutpola Esp. Kongreso en Łódź sub direkto de la subskribinto. Estis aranĝitaj prelegoj pri Esperanto, faritaj de f-ino Zamenhof, red. Berman, k. a. Fine oni ekaranĝis esp. kursojn. 2 kursojn gvidis s-anino L. Zamenhof (finis preskaŭ 70 personoj) kaj poste fondiĝis la Esp. Rondo ĉe ŻTK.

Nun la societo oferis al la pli kaj pli kreskanta esp. rondo klubejon por ĉiu vendredo, kaj ekde nun ekzistas en Warszawa nova esp. grupo. **Oskar Berman.**

# RECENZOJ.

**Jean Forge: Mr. Tot aĉetas mil okulojn.** Originale verkita romano. 244 paĝoj. 13.5x20 cm. Kartonita kun dukolora ŝirmkovrilo. Prezo broŝurita P. 4.50, bindita P. 6.50. Aldonu 10% por sendkostoj. — Eldonis „Literatura Mondo" Budapest, IX. Boráros tér 6. IV. 11.

Unu el tiuj bedaŭrinde maloftaj kaj malmultaj en nia literatura trezorejeto verkoj, kiujn oni legas kun retenita spiro de unua ĝis la lasta paĝoj. Dedektivromano leginda eĉ por malamikoj de tiu-speca literaturo. Enhavo nepre moderna kun forte erotika kolorigo. Iu esprimis sian opinion pri la libro: (laŭ vortoj de la aŭtoro mem) „La plej erotika verkajo en esperanto".

Eble jes, sed ĉiuokaze (se iu havus pro ĝi konsciencriproĉojn) ĝia erotikeco estas ĝuste tiu de la plej bona speco.

Ĉefaj personoj de l' romano portas sur siaj fruntoj realan signon de l' nuntempeco: Mister Tot, amerika riĉegulo kun senenhava vivo, krima kuracisto Kivikas kaj lia helpantino Marion, ruza dedektivo Viskarbeto ŝajniganta bonkoran sentaŭgulon, facilanima ruledludisto Husting — jen tipoj, kiujn oni nun centfoje renkontas ne nur sur ekrano. (A propos oni ne bezonas aĉeti mil okulojn kiel Mister Tot por klare vidi la egan filmigindecon de la verko). — Ni eble preterpasas ilin en niaj ĉiutagaj promenoj sur strategoj de ĉefurbo, ni eble sidas proksime de ili en moderna kafejo...

Same la medio en kiu Mister Tot travivas sian tragedion estas hipermoderna. — Tamen unu estajo malgranda — dolĉa — figureto restis (en libro) malmoderna en ĥaoso de radirapidega tempomezuro de l' hodiaŭo en freneza interlukto de monavido kaj krimo: la naiveta, junega stenotipistino Fernande Berg — posedantino de l' koro same senprofiteme, malsaĝe, profunde amanta kiel virinkoro antaŭ kaj dum centjaroj. Kaj ŝia fina venko vekos nepre ĝojon en leganto], eĉ se ili estas kontraŭuloj de „happy end". Kaj prave — ĝi ja estas venko de pli bona flanko de homanimo kaj... de l' optimismo antaŭ kiu kapitulacis neatendite nigra pesimismo grimacanta moke el ĉiuj antaŭaj ĉapitroj de l' verko. Stilo (ĝenerala) ĉarme fragmenteca, velure mola, diafane klara, virinece subtila eligas el brusto sopiran demandon: kial ne pli multe tiamaniere skribitaj legaĵoj en esperanto?

Individua esprimmaniero de kvar ĉefaj librofiguroj bonege koincidas kun iliaj karakteroj.

Guante la interesan romanon ni ne plu miras, ke unu el la verkoj de Jean Forge (Abismoj) estas tradukita en finan kaj ĉinan lingvojn. „Mister Tot" espereble sekvos ĝian belan ekzemplon kaj aperos baldaŭ en nacia vestajo, — (unuaj paŝoj jam faritaj oni preparas pollingvan tradukon de ĝi) sed antaŭ ĉio ni legu ĝin en esperanto por havi poste rajton... kompari...

**Księga Adresowa Esperantystów Polski i Praktyczny Informator Esperancki — opracował Jan Zawada.** Nakładem autora. Warszawa 1931. Prezo 4 zł. Eksterlande 3 sv. fr. Pagu al PKO Warszawa nr. 20845. Afranko por elsendo 10%. Paĝoj XVI plus 208.

Jen la libro vere valora kaj delonge dezirata en nia Pollanda esp.-movado. Ĝia tre riĉa enhavo certe interesos ĉiun polan kaj ankaŭ eksterlandan samideanon. Vi trovos tie Antaŭparolon al esperantistaro eksterlanda, tiun al pollanda, bibliografion de Esperantaj adreslibroj. En pollingva parto estas: 15 ĉefaj argumentoj por Esp., Konsilaro por lernantoj de Esp., ĉapitroj pri Esp. gazetaro, Organiza strukturo de Internacia Esp.-movado, bibliografiaj indikoj, plej ĉefaj sukcesoj de Esp. en postmilita periodo, prilingvaj informoj, nomaro de poŝtĉekkontoj de esp. organizajoj ktp. En dua parto, adresa, troviĝas jenaj ĉapitroj: Stato de la

Esp. movado en Polujo, Adresaro de 4060 pollandaj esp-istoj de la jaro 1931, Indeksoj, Polaj alfabeto kaj prononcado, Anonca parto.

Ni devas admiri grandegan laboron plenumitan de la aŭtoro de la libro, kiu vere sinofereme devis laboregi por havigi al ni tiuspecan verkon. Ĉiu pollanda Esp-isto, kiu almenaŭ iom pensas serioze devas nepre posedi la libron, en kiu li trovos tre multe da valora materialo, la libron, kiu estos por li instigilo por plua poresperanta laboro. La nombro de 4060 espistoj ne estas tre granda kaj tamen granda ni devas ĝin konsideri, sciante pri tio, ke diversaj statistikaj laboroj nur tre malfacile estas efektiviĝeblaj. Ni trovas en la libro nomojn de urbetoj kaj vilaĝetoj, pri kiuj ni eĉ ne supozis, ke en ili troviĝas ne esp-isto, sed iu iom scianta pri Esperanto. Tio estas treege ĝojiga. Sed aliflanke ni devas forte plendi, ke la jamaj Esp-istoj ne tro forte laboras por plua disvastigado de nia ideo. Varbu ĉiu el vi 4060, tre malmulte, nur unu novan Esp-iston dum la tuta longa jaro kaj ĉu vi scias kiel grandegan efikon ni ricevos post mallonga tempo. Plue: se ĉiu el vi, estimataj adresdonintoj, abonus Polan Esperantiston kaj Pomocniczy Język Światowy, ni tutcerte malaltigus iliajn abonprezojn, pliampleksigus la enhavon, pagus por la liveritaj artikoloj kaj multe pli efike propagandus. Pripensu tion, realigu, kaj faru, ke la „-us" baldaŭ estu „-as".

**Lekcje języka światowego Esperanto** (Lecionoj de mondlingvo Esperanto). Unua lernolibro por junularo de mezlernejoj sur bazo de tekstoj de dr. L. Zamenhof. Prilaboris Mieczysław Sygnarski, profesoro de ŝtata klasika gimnazio. Bydgoszcz. Eldono de „Scienca Esperanta rondo". 1931. Paĝoj 66. Prezo ne indikita.

En antaŭparolo la aŭtoro klarigas kiamaniere li verkis la lernolibron. Ĝi estas destinita por lerneja instruado kaj la materialon prezentitan en 20 lecionoj oni povas elĉerpi en 36 semajnoj ĉe duhora instruado semajne. Ĝi do ne estas verkita por uzo en diversaj publikaj rapidkursoj aŭ tie kie oni ne celas la „rapidecon" sed „fundecon" (ĉi lasta ĉiam preferinda), sed por sistema instruado en la lernejo. La aŭtoro kiel profesia filologo konas bezonojn de la instruado kaj ankaŭ la nun aplikatajn metodojn ĉe instruado de fremdaj lingvoj. — La libro eldonita tre zorgeme estas tre rekomendinda ĉe sistema instruado de Esp. en lernejoj.

# POLLANDA KRONIKO.

**BYDGOSZCZ.** La 27-an de aŭgusto okazis provleciono de Esp. laŭ la Ĉe-metodo. La lecionon gvidis s-o prof. M. Sygnarski.

En la septembra monata kunveno de la loka „Societo Esperanto" raportis s-o Prengel, societa kongresdelegito, pri la 23-a. Universala Esperanto-Kongreso en Kraków. Kompletiĝe parolis ankoraŭ f-ino Ezopówna. Krome parolis nia Esperanto-verkisto Jean Forge pri la Postkongreso en Warszawa kaj bone sukcesinta Bialistoka kongresa aranĝo kun la monumenta soleno. La Universalan Kongreson en Kraków ĉeestis pli ol 20 Bydgoszcz'aj esperantistoj. Enurbe okazas regule kelkaj Esperanto-kursoj. Laŭ decido de la dumkongresa skolta kunveno fondiĝis Organiza Komitato de Esperantistaj Skoltoj en Polujo. Korespondadreso estas: Zbigniew Woźniewski, Bydgoszcz, ul. 20. stycznia nr. 20 m. 1.

**KRAKÓW.** Post la okazinta Universala Kongreso la Esperantista movado en nia urbo evidente pliviĝliĝis. Inter la publiko ekzistas granda interesiĝo por Esperanto, kio videbliĝis en tio, ke la nun gvidatajn kursojn ĉeestas tre multaj personoj. Gvidadon de publikaj kursoj transprenis nunjare Pollanda Esperanto-Instituto, komisiante plenumon de tio al s-o T. Hodakowski. La 15-an de sept. okazis inaŭguro de l' kursoj per prelego s-o prof. T. Biliński, kiu parolis je la temo: „De kongreso al kongreso..." (Praktika valoro de Esperanto). La kina ĉambrego de Muzeo Industria tutpleniĝis. Post la prelego komenciĝis tri kursoj: komenca (laŭ la Ĉe-metodo), kompletiga kaj supera. Kune partoprenas 150 personoj. Estas interese, ke PEI destinis premiojn por la plej bonaj lernintoj de l' ĉijaraj kursoj en formo de senpagaj fervojaj biletoj al Parizo kaj reen. Tre bona varbilo. La biletoj estos pagitaj el la procentaĵoj, kiujn ricevos PEI de la kursgvidantoj. Laŭ nia scio estas krome gvidataj kursoj de prof. Biliński en VII-a gimnazio por lernantoj, de f-ino Krystyna Kostecka en ŝtata knabina gimnazio, de f-ino H. Bertig en asocio de privatoficistoj kaj de s-o A. Gutherz en 1-a gimnazio. S-o T. Hodakowski lektoras ĉe la universitato por komencantoj (80 pers.) kaj progresintoj (12 pers.). Post la kongreso nombro de la societanoj duobliĝis kaj ĉiusemajne okazas babiladaj kunvenoj. La 12-an de sept. tre interese parolis s-o prezidinto de TEKA, dro Blassberg pri iamaj kuracistoj kaj profesoroj de l'

Krakova Universitato. En unuaj tagoj de novembro komenciĝos nova sessemajna serio de kursoj, ĉar jam multaj personoj aliĝis.

**LUBLIN.** 4-an de junio k. j. Prezidanto de Pola Respubliko S-ro Prof. Ignacy Mościcki vizitis oficiale Lublinon. — Esperantista delegacio, konsistanta el personoj: D-ro J. Mędrkiewicz, Cz. Pruski kaj L. Leszczyński atendis ĉe triumfa pordego alvenon de Sinjoro Prezidanto kune kun multaj urbaj kaj ŝtataj oficialuloj. Alvenon de S-ro Prezidanto anoncis 21 kanonpafoj, fanfaroj kaj nacia himno, ludata de militista orkestro. Post akcepto de raporto de Vojevodo Swidziński kaj akcepto de pano kaj salo de Urbkomisaro Piechota, la Prezidanto trapasis vicigitajn delegaciojn de apartaj asocioj kaj kulturaj organizaĵoj. - Antaŭ la delegacio de Pola Esp. Asocio S-ro Prezidanto haltis kaj per manpremo salutis gvidanton de la delegacio S-ron D-ron Mędrkiewicz, dirante la vortojn: „Do ankaŭ en Lublin troviĝas esperantista nesteto". — „Jes, S-ro Prezidanto kaj ni havas duoblan honoron saluti Vin plej respekte unue kiel civitanoj de antikva urbo Lublin, due kiel esperantistoj, kies nunjaran internacian Kongreson en Kraków Vi bonvolis honorigi per Via alta protekto" — respondis D-ro Mędrkiewicz. — „Jes, vere, mi tion rememoras; sed Vian lingvon bedaŭrinde mi persone ankoraŭ..." kaj la Prezidanto faris komprenigan mangeston — „Sed la tempo mankas, troaj okupoj malhelpas". — La delegacio estis denove salutita per manpremo flanke d S-ro Prezidanto. — Tiu-ĉi varma akcepto kaj interparolo kun esp. delegacio faris inter la sekvantaro de S-ro Prezidanto kaj publiko de Lublin grandan impreson, ĉar ĝi estis speciala honoriga distingo kompare al laŭkutima akcepto de ceteraj Delegacioj. —

Ni substrekas la okazintaĵon pro fakto, ke la Prezidanto de Polujo unuafojeestis **publike** kaj **oficiale** salutata de esperantista organizaĵo kaj ĝi publike ricevis afablajn subtenajn vortojn senpere de la Prezidanto mem'. —

**SOSNOWIEC.** La 29-an de aŭgusto okazis ĉi tie kunveno de Esp. - Delegitaro de Zagłębie. Reprezentitaj urboj: Sosnowiec, Będzin, Dabrowa kaj Zawiercie. Oni decidis laŭ plano de s-ano Goldfarb reorganizi EDZ. S-ano Goldfarb estas por tuta jaro kontrakte ligita al EDZ kiel oficisto kaj Ĉe-metoda instruisto. Por la 19-a de decembro estas grandstila Zamenhof-solenaĵo planata, por kiu la antaŭlaboroj jam nun estas komencataj. — Sub aranĝo kaj gvidado de s-ano Goldfarb estas organizitaj 2 kursoj por komencantoj kaj progresantoj. — La 3-an de septembro okazis provleciono en la lernejo „Prauss". Ĝin partoprenis pli ol 200 personoj. Pro malgrandeco de la ejo devis multaj venintoj sur la koridoro resti, aliaj foriri. La provlecionon malfermis s-ano Dro A. Ingster, fervora prezidanto de EDZ., parolante pollingve pri praktika uzo de Esp. Poste parolis s-ano Goldfarb esperantlingve pri la kongreso kaj „Esperanto kaj la mondpaco". Lian parolon tradukis s-ano W. Bielobradek. La provleciono entuziasmigis la partoprenintojn. Al la komenciĝanta kurso aliĝis 61 personoj. Al la progresiga 17, sed la aliĝoj ankoraŭ daŭras. Por propagando estas eldonitaj 5.000 flugfolioj kaj 280 grandaj afiŝoj. En multaj vendejaj fenestroj pompas la belaspekta surskribo: „Oni parolas Esperante — Esperantistoj havas 10% rabaton". La surskriboj estas eldonaĵo de EDZ senpage donitaj al vendejoj, kie troviĝas Esp-instoj.

**WARSZAWA.** En juda turista asocio komenciĝis kurso de Esperanto. Instruas s-o Guterman, ĝeneralan gvidadon plenumas s-o red. Berman.

**WILNO.** Lunde la 8-an de junio je la 11.20 h. alveturis Vilnon el Nowogródek la hinda samideano s-ro Sinha. Same kiel la unuan fojon ĉe lia alveno al Polujo, la gaston salutis sur la perono reprezentantoj de ĉiuj esperantistaj societoj en Vilno kaj multnombra esperantistaro.

Je la 19.20 h. s-ro Sinha parolis al la pollanda esperantistaro per Radio. Ĉe mikrofono li estis fotografita de universitata fotografisto.

Vespere s-ro Sinha, akompanita de lia gastiganto, profesoro J. Muszyński, vizitis la Judan Sciencan Instituton, kie li rigardis la kolektojn de malnovaj manuskriptoj kaj librojn de la nova literaturo, speciale interesiĝante pri hebreaj kaj judaj tradukoj de verkoj de Rabindranath Tagore kaj aliaj hindaj aŭtoroj.

La 9-an de junio matene s-ro Sinha estis akceptita de Rektoro de Vilna Universitato profesoro Januszkiewicz.

La saman tagon je la 7-a h. vespere okazis en la Salono de l' Universitato prelego de s-ro Sinha „Moroj kaj Kutimoj de Hindujo", organizita de Vilna Esperantista Rondo Akademia (V. E. R. R.). La prelegon, ilustritan per multaj lumbildoj, tradukis kuratoro de V. E. R. A. profesoro J. Muszyński. La aŭdantaro de la hinda samideano konsistis el 400 personoj, kvankam la vetero estis malfavora.

Post la prelego s-ro Sinha kantis bengale kaj respondadis multnombrajn demandojn pri la nuntempa Hindujo.

La 10-an de junio matene s-ro Sinha forlasis Vilnon kaj trans Riga-Tallinn forveturis Svedujon.

**UNUA KAJ SOLA RADIO-PAROLADO DE S-RO L. SINHA EN POLUJO.**

Wilno — la plej nordorienta pollanda kultura centro — havis la honoron ne nur akcepti s-ron Lakshmisvar Sinha ĉe lia alveno al Polujo, sed ankaŭ esti la lasta urbo, kiu adiaŭis lin ĉe forveturo al Svedujo.

En tiu-ĉi urbo la hinda samideano havis okazon paroli per Radio al pollanda loĝantaro pri siaj impresoj en Polujo.

La radio-parolado estis aranĝita dank' al penado de Vilna Esperantista Rondo Akademia (V. E. R. A.) kaj dank' al afableco de l' estraro de Vilna Radio-stacio, la 8-an de Junio je la 19.20 h.

La enkondukan paroladon faris profesoro J. Muszyński kuratoro de V. E. R. A., konatigante la aŭdantaron kun esenco de Esperanto kaj esperantismo, kaj diris ankaŭ kelkajn vortojn pri biografio de s-ro Sinha kaj la celo de lia vojaĝo.

Sinjoro Sinha faris paroladon, kies mallongigon ni citas malsupre: „Estu permesite al mi antaŭ ĉio esprimi mian sinceran dankon al Radio-estraro de Vilno, kiu donis al mi la bonan okazon hodiaŭ paroli al pli vasta pollanda publiko, ol iam antaŭe. Antaŭ pli ol du monatoj laŭ la invito de Akademia Esperantista Rondo mi alvenis Polujon por prelegi kaj jam dum tiu-ĉi tempo mi traveturis preskaŭ la tutan Polujon, farante multajn prelegojn antaŭ cirkaŭ 8.000 aŭskultantoj. Dum prelegado kaj vizitado en diversaj urboj la lokaj gazetoj multe raportis pri ĉio-ĉi. Nun mi baldaŭ estos forveturinta el via lando. Okaze je la hodiaŭa parolado mi volas esprimi kelkvorte miajn impresojn. Polujo, kiel lando, kie estiĝis la lingvo internacia Esperanto kaj kie naskiĝis ĝia Majstro, anime suferanta pro miskompreno inter homoj kaŭze de la lingva barilo, havas specialan allogon, kiel vera pilgrimejo por tutmondaj esperantistoj. Al homo, apartenanta al lando kiel Hindujo, Polujo havas alispecan altiron, nome rapidan, ĉiuflankan mirindan nacian disvolviĝon. Dum mia estado en diversaj urboj tio plej multe frapis min. Hodiaŭ mi povas diri, ke eble ju alia Hindo neniam havis kaj certe neniam havos tian bonan okazon sen scio de Esperanto tiel bone ekkoni fremdan landon. Al mi tiu graveco de Esperanto same donis netakseblan helpon ekkoni aliajn landojn antaŭe vizititajn. Dankon al mia invitanto kaj dankon al tuta pollanda esperantistaro, kiuj donis al mi helpon por ekkoni sian landon kaj popolo kaj kies plenkora gastemeco ĉiam restos al mi neforgesebla, dolĉa kaj memoriga. Okaze de la hodiaŭa parolo mi esprimas miajn plej korajn kaj sincerajn dankojn unue al pollanda esperantistaro kaj pere de ĝi al la tuta pollanda loĝantaro. Saluton al Polujo, Vivu Polujo!"

La supra parolado estis ankaŭ tradukita pollingven de profesoro J. Muszyński.

Post la tradukado la hinda samideano deklamis kaj kantis bengallingve.

Pri tiu-ĉi ekzotika radio-disaŭdigo la vilnaj gazetoj enpresis specialajn menciojn.

**M. London.**

Post la XXIII-a Univ. Esp. Kongreso la intereso pri Esperanto ĉe ni en Wilno pligrandiĝis. Per la iniciativoj de s-ro K. Gerŝater fondiĝis nova Esperanta rondo ĉe la Vilna Kleriga Societo „Wilbig". Raporton de la Kongreso ĉe multnombra aŭskultantaro donis S-o Gerŝater. Ĉe la Societo ekzistas du kursoj por Esperanto kun 50 kursanoj. La kursojn gvidas S-ino G. Nohemen kaj S-ro Bejrak. Ĉe la klubo organiziĝas biblioteko kaj jam ekzistas legejo de diversaj esper. gazetoj kaj jurnaloj. Grandan lokon okupas via estimata gazeto. La klubon gvidas S-ro S. Ŝik, kiu la 6-an de IX dividiĝis kun la impresoj pri la XXIII-a Univ. Esperanto-Kongreso. Samtempe oni aranĝis ekspozicion de Kongresa materialo kaj fotoj dum la Kongreso faritaj.

**ZAWIERCIE.** Fondiĝis ĉi tie Esperantista rondo s. t. „Progreso". Kiel prezidantino estas elektita s-ino Klara Borzykowska, strato Marszałkowska 14.

## DE LA REDAKCIO.

Siatempe pro granda abundo de diversaj prikongresaj sciigoj ni estis devigataj prokrasti iom da materialo apartenanta al „Pollanda Kroniko", kvankam ĝi estis jam kompostita. En la nunan numeron ni enmetas la prokrastaĵojn.

Ni ricevis jenan poŝtkarton: „Nia magistrato intencas propagandi pli intense viziton de nia ĉefurbo kaj ĝi eldonos diverslingvajn propagandilojn. Postulu tuj **esperantan** propag. materialon skribante al jena adreso: Magistrato de la ĉefurbo Praha, Ĉeĥoslovakio". Samideanoj, bonvolu plenumi la prezentitan peton!!

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss, Kraków.

Drukarnia Ludwika Gronusia i Ski w Krakowie, ul. Stolarska 6.

Redaktor odpowiedzialny: Juljusz Kriss.

**Drukarnia Ludwika Gronusia i S-ki w Krakowie, Stolarska 6.**